# La Bulteneto

Numero 4



## Leopold-Muzeo en Vieno

**Leopold-Muzeo** estas la plej granda kaj plej vizitata muzeo en Viena Muzea Kvartalo okcidente de la centro de la aŭstria ĉefurbo. Dum kvindek jaroj profesoro doktoro Rudolf Leopold (1925-2010) kolektis pentraĵojn de famaj aŭstraj artistoj. 2001 la kolekto trovis sian definitivan lokon en Muzeo, kiun li konstruis helpe de la respubliko Aŭstrio kaj la Aŭstria Nacia Banko.

Kerno de tiu kolekto estas la aŭstria arto de la unua duono de la 20a jarcento. La ĉefaj verkoj de Egon Schiele kaj Gustav Klimt paŝon post paŝo montras la stilan evoluon de Junstilo (Jugendstil) al ekspresionismo. La arthistorian kuntekston peras elstaraj verkoj de la aŭstria arta historio de la 19a kaj 20a jarcentoj.

En la vastaj, lumplenaj salonegoj rigardeblas krom pentraĵoj kaj desegnaĵoj ankaŭ objektoj de la artmetio kaj mebloj el la tempo de Wiener Werkstätte: Originalaj objektoj de Adolf Loos, Otto Wagner kaj Josef Hoffmann. Skulptaĵoj el Oceanio kaj Afriko, kiuj ankaŭ estas kolektataj, inspiris multajn artistojn de la Klasika Moderna Arto.



Jam kiel studento de la medicino Rudolf Leopold aĉetis pentraĵojn. Baldaŭ en li estiĝis vera pasio por arto. Ĝis 1994 li vivis kun sia familio meze de tiuj mebloj kaj bildoj. Poste li transdonis siajn 5000 artobjektojn al fondaĵo. La suma valoro estas 575 milionoj da eŭroj.

Ĝis la 1960aj jaroj la arto de Schiele kaj Klimt estis neŝatata, eĉ malestimata en Aŭstrio, sed Leopold havis alian opinion. 1954, dum aŭkcio, oni primokis lin, kiam li favorpreze aĉetis akton desegnitan de Schiele, kies arto tiam estis rigardata kiel dekadenca kaj pornografia. Sed dum la sekvaj jardekoj la prezoj por tiaj pentraĵoj ege kreskis.

Leopold fidis je sia estetika sento, kiam li aĉetis kaj interŝanĝis verkojn. Unue la elektado estis subjektiva, sed poste estiĝis akceptita kultura institucio kolektista, kiu estas nun esenca parto de la arta vivo en Vieno. Leopold-Muzeo havas la formon de granda kubo el konka kalko kaj estas okulfrapa parto de la Muzea Kvaratalo.

Kolektisto ofte malkovras ion, kion alia pretervidis. Post scienca esplorado tiajn objektojn montras specialaj ekspozicioj, ofte el nova vidpunkto. Profesoro Leopold klarigis sian sukceson per sia talento kompreni la estiĝon de verko per sia "arte vidanta" okulo. Liaj kapabloj estis detala percepto, ekzercita komparado kaj akcentado de la ĉefaj trajtoj. Ĉiam li decidis laŭ sia subjektiva sento kaj animstato. Same subjektivaj estis elekto, vicigo kaj prezentado de la verkoj. Tiel li iĝis ne nur fondinto de muzeo, sed ankaŭ celkonscia avangarda kreinto de tuteca artaĵo, simile kiel la Vienaj Secesiistoj. Leopold-Muzeo por ĉiam estas ligita al la kolektisto. La kolekto mem estas aprezo por la aŭstria arto kaj omaĝo al la Viena Moderna Arto.

Foto: Arik Brauer en Leopold-Muzeo 2014, fotita de Walter Klag



La Bulteneto. Jaro 2017. Numero 4.  Autoroj: Walter kaj Renate Klag.
Redaktejo: 1190 Wien, Rudolfinergasse 8/11, esperanto@chello.at.